3a JARO DECEMBRO 1910 2a NUMERO (26)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
**LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS** kaj
**OSCAR VAN SCHOOR.**

**ABONPREZO :**

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

**Tarifo de la anoncoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10 — | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio.kio koncernas la redakcion (artikoloj. ĉiuspecaj informoj.jurnaloj,broŝuroj,libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj,monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

ANTVERPENO, LA 1an DE DECEMBRO 1910.

## Al la Sekretarioj de la esperantistaj grupoj en Belgujo,

*Estimataj Samideanoj,*

La redakcio de la *Tutmonda Esperantista Jarlibro* por 1911 antaŭ nelonge petis de mi precizajn sciigojn pri la kunmetado de la esperantistaj grupoj en Belgujo.

Por ke mi povu plenumi tiun deziron, bonvolu havigi al mi, plej baldaŭ, la jenajn informojn :

1. *Nomo de la grupo.* — 2. *Dato de ĝia fondo.* — 3. *Sidejo.* — 4 *Estraro : honora prezidanto, honora vicprezidanto, prezidanto, vicprezidanto, sekretario, kasisto* (kun aldono de ilia profesio kaj plena adreso). 5. *Tagoj kaj horoj de la kunvenoj.*

Kun tutkora saluto !

*La Prezidanto de la B. L. E.,*
**Van der Biest-Andelhof.**

---

Baldaŭ S-ro L. DELVAUX, kasisto de la B. L. E., kolektigos per poŝta kvitanco la Ligan kotizaĵon de la grupoj.




Ni petas la esperantistajn jurnalojn, kiuj deziras fari efikan propagandon por la 7a internacia kongreso, ke ili bonvolu rekomendi al sia legantaro aboni la revuon **Belga Esperantisto**, kiu ĉiumonate regule publikigas ĉiujn sciigojn pri la kongreso kaj la nomaron de la aliĝintoj. La abonprezo estas 5 frankoj = Sm. 2 por la nebelgaj landoj. B. E. aperas en 24 paĝoj, granda formato in 8$^{vo}$, kaj enhavas krom la kongresaj informoj pri-esperantajn artikolojn, kantojn, humoraĵojn, problemojn, tre legindan en- kaj eksterlandan kronikon, tre interesan literaturan fakon, bibliografian felietonon k. t. p. La 3a jarkolekto komenciĝis je la 15a de novembro. Ĉiuj abonoj kaj pagoj devas esti sendataj al S-ro Frans Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

— S-ro Schmit, policestro de Antverpeno, sciigis sian personaron pri la malfermo de esperanta kurso de Esperanto por la oficiroj kaj oficistoj de la urba policanaro. Libertempo de 2 horoj estos donata al la partoprenantoj por ebligi al ili sekvi regule la instruadon, kiu antaŭ ne longe estos organizata.

— Ni faras novan alvokon al la esperantistoj, por ke ili ne prokrastu aliĝi la kongreson kaj ripetas kion ni jam diris antaŭe : gravala morala kaj financa respondeco de la Sepo necesigas, ke ĝi kiel eble plej baldaŭ eksciu, kiom da enspezoj ĝi povos proksimume disponi. La materia organizado de la kongreso nepre dependas de ĝiaj monrimedoj.

— Por sukcesigi literaturan konkurson oganizotan de la 7a, ni petas la esperantistajn jurnalojn, societojn kaj la bonvolemajn samideanojn ke ili aljuĝu premiojn pri temoj, kiujn ili difinos. Ili bonvolu informi pri tio la sekretarion-kasiston de la Sepo : S-ron D-ron W. Van der Biest, 76, Minderbroedersrui, Antwerpen (Canal des Récollets, Anvers), antaŭ la 15a de marto 1911. Dezirinde estus, ke, en sian numeron de januaro, B. E. povu jam enpresigi unuan liston de premioj kun la al ili rilatantaj temoj.

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vicprezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer**, Leŭtenanto **Fr. Dupont**, **Louis Ritschie**, **Frans Schoofs**.

# Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj aŭtaŭ la 4a de decembro 1910

201. Black, Robert, The Croft, Peebles, (Skot.)
202. S-ino Black, » » »
203. F-ino Emerson, Annie, instruistino, Chatwin House, Hurworth, (Angl.)
204. F-ino Emerson, M. Ada, » » » »
205. F-ino Ingram, M. Blanche, Cornwall Street, 17, Edinburgh, (Skot.)
206. F-ino Maxton, Alice L. D., Rochester Terrace, 13, » »
207. Page, William M., solicitoro, Bruntsfield Place, 127, » »
208. S-ino Page, » » » »
209. Pringle, James, Dick Place, 33, » »
210. F-ino Robb, Annie, Forbes Road, 21, » »
211. F-ino Simpson, Rosa B., Clarence Street, 17, » »
212. F-ino Simpson, Lucy M., » » » »
213. F-ino Tait, Helen, Parkside Terrace, 4, » »
214. S-ino Wilson, Andrew, inĝeniero, Queen Street, 51, » »
215. S-ino Wilson, » » » »
216. Bergmann, Oskar, inĝen., Kaiser Friedrichstr., 35, Charlottenburg, (Germ.
217. Camescasse, Jacques, rue Lallier, 1bis, Paris, (Franc.)
218. F-ino De Baeck, Rachel, Groenhofstraat, 33, Boom, (Belg.)
219. Mathews, Paul, profesoro, Mathematical School, Rochester (Kent-Angl.)
220. F-ino Bartholomew, Frances Maud, Northon Way (N), 13, Letchworth-Herts, (Angl.)
221. F-ino Bartholomew, Edith Mary, instruistino » » » »
222. Pollack, Emil, privatulo, Kamenz, (Saks. Germ.)
223. Bonnevie, Honoratus, fervoja asistanto, Pilestraede, Christiania, (Norv.)
224. *Esperanta Unuiĝo*, (25 fr.) *sekretariejo : Van Beethovenstraat, 22, Antwerpen (Belg.)*
225. Elliott, Charles C., asekuristo, 36, Castle Road, Liscard (Cheshire-Angl.)
226. Fricke, Hans, bankoficisto, Niedenau, 30, Frankfurt a/M., (Germ.)
227. Christaller, Paul, profesoro, Neue Weinsteige, 61, Stuttgart, »
228. Christaller, Hans, studento, » » » »
229. Christaller, Wilhelm, » » » » »
330. Gale, Walter, kolonelo, Ridgway, 23, Wimbledon (Surrey-Angl.)
231. S-ino Theodore, Mary, Brynhyfryd, Hanfair, (Montgomerysh.-Angl.)
232. Van Bavel, Charles, presisto, Vleminckxstraat, 12, Antwerpen, (Belg.)
233. Vermeulen, Guillaume, kolonelo, Edelinckstraat, 20, » »
234. F-ino Schafer, Adela, lingvistino, Gloucester Crescent, Regents Park, 8, London, (Angl.)
235. Heighley, Herbert, farmaciisto, Exeter Street, 7, Rochdale, (Angl.)
236. *Buchanan, Scott & K-o, komercistoj, (25 frankoj), Garthland Street, 7-9, Glasgow, (Skot.)*
237. D-ro Noël, Eugène, kuracisto, rue de Pondichéry, 11 bis, Paris, (Fr.)
238. Kempe, Th., Kaiser Wilhelmstr, 6, Radebeul-Oberloessnitz, (Saks.-Germ.)
239. F-ino Jahns, Marie Elisabeth, Bodestrasse, 12, Braunschweig, (Germ.)
240. F-ino Jahns, Käthe, » » » »
241. *Esperantista Grupo « Ĉiam Antaŭen, » sekretario, S-ro Jako Guillomia, Canetero Mataro, 300,* Barcelona, (Katal.-Hisp.)
242. Fairman, Charles Arthur, Deronda Road, 2, Herne Hill, London, (Angl.)
243. Delvaux, Lambert, profesoro, Boul. Joseph II, 10, Charleroi, (Belg.)
244. Lange, Ernest, poŝtoficisto, Ensival, »
245. Parotte, Joseph, komercisto, Rue haute, 13, Verviers, »
246. Petiau, Henri, kalkulisto, St Lievenslaan, 60, Gent, »
247. Van Peteghem, Léon, profesoro, O.L.V. straat, 31, Mechelen, »
248. Mathieux, Fernand, komercisto, Marché-aux-Poulets, 49, Bruxelles, »
249. Doré, Fernand, industriisto, rue Jeanne d'Arc, 4, Troyes, (Aube-Fr.)
250. D-ro Dietl, Wilh., kuracisto, Niebelungengasse, 63, Graz (Steierm. Aŭstr.)

(Daŭrigata, paĝo 60)

# KONGRESA PAROLADO
## de D-ro L. L. ZAMENHOF en Washington

(Fino)

Al kiu la komitato komisius la faradon de la ŝanĝoj? En la tempo prepara, kiam estus necese esplori principe la demandon, kian lingvon oni devas elekti, la komitato povas komisii la laboron al kiu ajn, zorgante nur, ke la elektitoj estu homoj prudentaj kaj senpartiaj kaj komprenu la tutan respondecon, kiun ili prenas sur sin. Sed kiam lingvo estus jam elektita kaj oni decidus fari en ĝi ŝanĝojn, kun kiu oni konsiliĝus pri tiu laboro?

La plej simpla prudento kaj la plej simpla komprenado de sciencaj metodoj diras, ke pri tia laboro oni devus konsiliĝi ne kun personoj, kiuj konas la lingvon de *ekstere*, sed antaŭ ĉio kun personoj, kiuj plej bone konas la lingvon *interne*, kiuj plej multe *laboris* por ĝi, plej multe praktike ĝin *uzis* kaj sekve havas en ĝi plej grandan sperton kaj plej bone konas ĝiajn mankojn *efektivajn*. Ĉiu komprenas tre bone, ke fari ŝanĝojn en iu lingvo, gvidante sin nur per ekstera ŝajno kaj ne konsiliĝinte kun personoj, kiuj plej bone konas tiun lingvon, estus tia infanaĵo, kiun certe nenia komitato povus fari, se ĝi traktus sian taskon serioze kaj ne estus sugestiata de personoj, kiuj havas ian kaŝitan celon.

Kaj se la komitatanoj decidos fari ŝanĝojn en Esperanto, kion ili povos ŝanĝi? Se ili ekzemple volos diri, « tiu vorto estas prenita el lingvo, kiun parolas cent milionoj, tial ni elĵetu ĝin kaj prenu vorton el lingvo, kiun parolas cent dudek milionoj », aŭ se ili diros, « al ni ne plaĉas la vorto *estas*, ni preferas *esas* », k. t. p., tio estas simpla infanaĵo, kiun seriozaj homoj certe ne permesus al si, ĉar ili komprenus, ke en lingvo, kiu havas jam multejaran vivon, ŝanĝi grandan amason da vortoj pro simpla kaprico, pro ia pure teoria kaj praktike absolute senvalora motivo, estus sensencaĵo. Memorante, ke oni atendas de ili ne ian teorian filologian amuzigon, sed laboron *praktikan*, ili kompreneble ŝanĝus nur tiujn vortojn aŭ formojn, kiuj montriĝis malbonaj *per si mem*, malbonaj *absolute*, grave maloportunaj por la *uzantoj* de la lingvo. Sed se vi trarigardos ĉiujn kritikojn, kiuj estis faritaj kontraŭ Esperanto en la daŭro de dudektri jaroj — kaj Esperanton ja kritikis jam multaj miloj da homoj kaj certe neniu eĉ plej malgranda el ĝiaj mankoj restis kaŝita, — vi trovos, ke la grandega plimulto el tiuj kritikoj estas simple personaj kapricoj. La nombro de tiu ŝanĝaj proponoj, kiuj efektive povus havi ian praktikan valoron, estas tiel malgranda, ke ili ĉiuj kune okupus ne pli ol unu malgrandan folieton kiun ĉiu povus ellerni en duonhoro; sed eĉ inter tiuj tre malmultaj supozeblaj ŝanĝoj la plej gravaj estas nur plibonigo *ŝajna*, sed en efektiveco ili post pli matura

pripenso montriĝus eble nur kiel malplibonigo. Tiel ekzemple la forigo de la supersignoj kaj de la akuzativo, kiun mi antaŭ dekses jaroj proponis, por liberiĝi de la turmentantoj kaj faciligi la propagandon, kaj kion postulas la plimulto de la reformistoj, tiu ŝanĝo en la *nuna* tempo, kaj tiom pli antaŭ la okuloj de registare starigota kaj sekve forton havanta komitato, devas aperi kiel tute neakceptebla, ĉar ĝi prezentus kripligon de la *interna* valoro de la lingvo, por plaĉi al ĝiaj *eksteraj* rigardantoj, forigon de necesaj gravaj sonoj el la lingvo kaj de libera vortordo kaj klareco por... ke la presistoj ne bezonu elspezi kelke da spesmiloj kaj la komencantoj ne havu kelkan malfacilaĵon.

Se vi prenos ian artikolon Esperantan, prezentitan de niaj kontraŭuloj por senkreditigi Esperanton, vi preskaŭ ĉiam nur trovos unu aferon : grandan amasigon de plurala finiĝo «j», tiu malfeliĉa «j», kiun neniu tamen kuraĝas kritiki en la bela greka lingvo, estas la kvintesenco de ĉiuj teruraĵoj, kiujn niaj kontraŭuloj montras en Esperanto !

Unuvorte, ĉiu el vi povas konvinkiĝi, ke se iam registare starigota komitato decidos fari ŝanĝon en Esperanto kaj se tiu komitato traktos sian taskon serioze, ĝi povos ŝanĝi en Esperanto nur tre, tre malmulte, la postkomitata Esperanto restos tute la sama lingvo, kiel la Esperanto antaŭkomitata, nur eble kelkaj nunaj formoj fariĝos arĥaismoj kaj cedos sian lokon al pli oportunaj formoj, neniel rompante la kontinuecon de la lingvo kaj niel ruinigante la valoron de tio, kion ni ĝis nun akiris. Tio estas ne nia pia deziro, sed tion plene certigas al ni simpla logiko kaj prudento, kontraŭ kiu certe nenia serioza komitato volos peki, se ĝi ne volas, ke ĝiaj laboroj restu absolute sen ia praktika rezultato.

Nun mi resumos ĉion, kion mi diris. Logika esploro de de la afero montras al ni, ke :

I. Lingvo internacia ne povas esti alia ol Esperanto.

II. La evoluado de la lingvo fariĝos plej kredeble nur per tiu sama natura vojo, per kiu ĝi fariĝis en ĉiu alia lingvo, t. e. per la senrompa vojo de neologismoj kaj arĥaismoj.

III. Se iam aperos la neceso fari en Esperanto ian ŝanĝon, tion povas fari nur aŭ la esperantistoj mem, per komuna interkonsento, aŭ ia grandega forto, sed nepre kun plena interkonsento kun la tuta esperantistaro.

IV. Se iam la Esperantistoj mem aŭ la granda ekstera forto decidos fari en Esperanto iajn ŝanĝojn, tiuj ŝanĝoj povas esti nur ekstreme malgrandaj, neniam rompos la kontinuecon kun tio, kion ni ĝi nun faris, faras aŭ poste faros.

Tio estas la sole ebla natura irado de la aferoj. Ĉiu, kiu volos kontraŭbatali tiun naturan iradon, nur perdos senbezone siajn fortojn. La esperantaj radikoj de la arbo internacilingva jam tiel profunde penetris en la teron de la vivo, ke ne povas jam ĉiu deziranto ŝanĝi la radikojn aŭ ŝovi la arbon laŭ sia bontrovo.

Karaj kongresanoj ! Ĉio, kion mi diris, ne estas iu aŭtora memfido, ĉar mi plene konsentas kaj konfesas malkaŝe, ke, por ŝanĝi ion en la natura irado de la internacilingva afero mi estas tiel same senpova, kiel ĉiu alia persono. Mi defendas fervore nian nunan vojon nur tial, ke la nerefuteblaj leĝoj de la logiko diras al mi, ke tio estas la sola vojo, kiu kun plena certeco alkondukos nin al nia celo. Kiu ajn volus ŝanĝi la naturan iradon de la internacilingva afero — tute egale, ĉu li estas malamiko de Esperanto aŭ ĝia plej firma amiko, ĉu li estas senfamulo aŭ eminentulo, ĉu li agas per vortoj aŭ per mono kaj ruzajoj, ĉu li estas plej fanatika konservemulo aŭ plej facilanima eksperimentisto de novaĵoj, ĉu li estas plej pura idealisto aŭ plej profitama egoisto, ĉu li bruas kaj malbenas aŭ kaŝite laboras sub la tero — li neniam sukcesos, li povos nur krei kelktempan skismon, kaj akiri la malĝojan gloron de malhelpanto kaj subfosanto, sed neniam li povos devigi ĉiujn amikojn de la internacilingva ideo pro iaj sensignifaj bagateloj forjeti tion, kion ili posedas, kio montriĝas plene vivipova, en kio estas jam enmetita tia multego da laboroj kaj da vivo kaj kio per natura vojo devas iom post iom konstante ensorbi novajn sukojn. Tion devas bone memori ĉiuj, kiuj laboras sur la kampo de lingvo internacia, kaj se ili tion ne memoros, la vivo mem donos al ili la necesan instruon.

Ni povas sekve labori trankvile ; ni ne devas malĝoji, se nia laborado estas iafoje malfacila kaj sendanka ; sur nia flanko estas ne sole la fajro de niaj sentoj, sur nia flanko estas ankoraŭ la nerefuteblaj leĝoj de la logiko kaj prudento. Pacience ni semu kaj semu, por ke niaj nepoj iam havu benitan rikolton. Al la Sesa Esperantista Kongreso, kiu sendube enjetos multe da semoj en la teron Amerikan, mi eldiras mian koran saluton.

---

## La Esperantista Kongreso en Washington

(FINO)

### V. — La deziroj de la Kongreso

Oni scias, ke niaj kongresoj de Esperanto nur konsistas el personoj sen regulaj rajtigoj, kaj ke do ili ne rajtas alpreni decidojn, kiuj povus ligi la esperantistajn instituciojn. Ili

nur povas esprimi dezirojn, kiuj havas nur moralan valoron. Oni legos en « Oficiala Gazeto » la plenan tekston de tiuj deziroj. Mi altiras la atenton de la leganto sur tiuj, kiuj rilatas la « Internacian Konsilantaron », ĉar ili pritraktas demandojn tre gravajn por la estonteco de niaj esperantistaj institucioj, kaj ĉar la vortoj de tiuj deziroj estas zorge diskutitaj, aranĝitaj, aprobitaj de la Organiza Komitato de la Kongreso kaj, plie, de la ĉeestantaj membroj de l'Internacia Komitato kaj de la Loka Komitato de Washington, en kunsido prezidata de D-ro Zamenhof. En tiuj tekstoj oni esprimas la deziron, ke la « Internacia Konsilantaro », tiun ĉi jaron starigita, sekve de deziro de la Barcelona Kongreso, tuj eklaboru, kaj ke, plie, ĝi plifaciligu la rilatojn inter la naciaj societoj por la demandoj de komuna propagando. Tute kompreneble estas, ke tiu komitato, enhavanta membrojn regule elektitajn de la naciaj societoj, estus ligilo inter ili, kaj, zorge respektante ilian sendependecon, kaj neniel favorante personajn ambiciojn, ebligus al tiuj societoj interkonsenti pri demandoj komunaj, por kiuj ilia sincera kaj senkaŝpensa kunlaborado povas esti necesa.

## VI. — La specialaj kunsidoj

Mi ne ankoraŭ parolis pri la diservoj. Dimanĉon matene la 14an de aŭgusto, protestanta diservo kunigis grandan parton de l' kongresanoj, kaj laŭtradicie la kantoj kaj predikoj okazis en Esperanto. Malgraŭ la fervoro kaj la agemeco de nia amiko Colas, speciala katolika meso, kun prediko en Esperanto, ne povis esti organizata, sed en la diservo, al kiu estis invititaj la esperantistaj katolikoj, kaj kiu okazis en la tutplena preĝejo Sankta Patrick, la parolanto alprenis kiel temon de sia prediko Esperanton, kies utilon li proklamis, kaj tiel li faris bonegan propagandon.

La kunsidoj de specialistoj estis fervore ĉeestataj, kaj tre interesaj, kvankam multnombraj. Grava kunsido de l'anoj de de la « Lingva Komitato » estis prezidata de D-ro Mybs, kaj D-ro Zamenhof tie donis interesajn klarigojn. Nia amiko Rollet de l'Isle organizis du kunvenojn de la Scienca Asocio, kiuj multe kunhelpis al la progresado de tiu societo en Ameriko ; D-ro Arnhold prezidis kunsidon de tre multnombraj pacificistoj, kiuj decidis veki la Esperantistan Societon de la Paco, fonditan de nia samideano Gaston Moch ; la unuan fojon en niaj kongresoj okazis kunveno de esperantistaj poŝtoficistoj. Ankaŭ kunvenis la fervojaj oficistoj, la inĝenieroj, la liberpensuloj, k. t. p.

U.E.A.havis du kunsidojn, unu solenan propagandan, prezidatan de D-ro Zamenhof, kaj unu laboran, dum kiu, sub la prezidanteco de Pastro Hoffmann, estis diskutataj la raportoj prezentitaj kaj diskutitaj dum la kongreso de Augsburg.

Fine, S-ro Spillmann faris interesan paroladon, kun lumbildoj, pri la « videbla parolo » kaj mi havis la honoron fari paroladon, ankaŭ kun lumbildoj, pri Antverpeno, la sidejo de la 7a Kongreso.

## VII. – La festoj

Dimanĉon vespere okazis koncerto de esperantistaj diletantoj, organizita de S-ro W. W. Mann, kiu tre bone sukcesis. Ekskurso al la akvofaloj de la Potomac konsolis tiujn el ni, kiuj ne povis, post la kongreso, vidi la akvofalojn de l' Niagara. Posttagmezo estis ĉarme difinita por promenado al Mount Vernon, domo de George Washington. Por tien iri, oni devas enŝipiĝi sur la Potomac kaj laŭveturi la larĝan riveregon. Post nia vizito, unu el la afablaj esperantistaj policistoj donis al S-ino Zamenhof malgrandan hederon, kiu simboligis samtempe la fidelecon de la Amerikanoj al ilia liberiginto, kaj la fidelecon de la Esperantistoj al ilia glorinda Majstro.

Alia ekskurso sur la riverego Potomac okazis ĉe la lunlumo, kaj ĝi estis ege pentrinda.

La balo estis tre brila, sed la « naciaj vestaĵoj » estis malmultnombraj ; Kolonelo Pollen, kiel ĉiam, estis belega. La kongresanoj gaje dancis valsojn kaj « du paŝojn » kaj ĉeestis kuriozajn Filipinajn dancojn, organizitajn de S-ro Osmena.

Mi ne povas tie ĉi klarigi la ludon *Basball*, mi ne kapablus. Sed multnombraj kongresanoj ĉeestis la kuniĝon, por kiu ili havis rezervitajn lokojn, kaj kelkaj el la fremduloj cetere sukcesis kompreni tiun ludon, dank' al la esperanta klariga broŝuro, kiu estis afable disdonita al ili de la « American Sport Publishing Co », kaj precipe dank'al la klarigoj de la entuziasmaj Usonanoj...

La ĉefaĵo de la kongresaj festoj estis la kurioza prezentado, en Esperanto, de « As you like it », farata de la lernantoj de la lernejo Hickmann, en la ĝardenoj de la lernejo Berlitz. La enscenejigo, la lumigo, la kostumoj, la ludo de l'aktoroj, ĉio estis perfekta kaj estis festo nepre pentrinda kaj originala. Ni aldiru ke la junaj aktoroj sukcesis ellerni siajn rolojn en kvin semajnoj. Kompreneble oni ege aplaŭdis ilin.

## VIII. — La Usona Ĵurnalaro

Ĉar niaj esperantistaj kongresoj precipe celas fari propagandon, oni devas ekzameni, kia estis la sintenado de la Usonaj ĵurnaloj. Ĉiuj ege interesiĝis je la kongreso. D-ro Zamenhof, la anoj de la estraro, la oficialaj delegitoj estis fotografataj, intervjuataj nekalkuleblajn fojojn. Aperis ĉiutage, en la ĵurnaloj de Washington, longaj artikoloj pri la kongreso, priparolantaj ĉiujn detalojn de niaj manifestacioj, publikigantaj fotografaĵojn de aroj da kongresanoj aŭ portretojn de eminentuloj ; multaj komercistoj en la urbo presigis anoncojn en Esperanto ; ni eĉ trovis karikaturojn de D-ro Zamenhof kaj

de S-ro Roosevelt parolantaj en Esperanto. Jurnalistoj venis el New-York, el Baltimore, el Philadelphia. El tiu ĉi lasta urbo venis unu el la ĉefaj redaktoroj de la « North American », kiu, ekparolante je la fino de kunsido de U. E. A., komencis sian paroladon dirante : « Mi venis, mi vidis, mi estis venkata ! »

Usono ne havas, kiel Francujo ekzemple, grandajn naciajn ĵurnalojn, kiuj presigas multajn milionojn da ekzempleroj, kaj estras la opinion de la tuta lando. Ĝi nur havas lokajn jurnalojn. Malgraŭ tio, la ĵurnaloj de Washington ne estis la nuraj, kiuj parolis pri la kongreso, kaj mi kunportis el Usono kolekton de pli ol sepcent eltranĉaĵojn el ĵurnaloj, rilatantajn la esperantistan kongreson.

## IX. — Konkludo

La kongreso de Washington certe havos grandan influon sur la propagandon de Esperanto en la Nova-Mondo. Iu tutprave diris, ke ĝi estis « La Bulonja kongreso de Ameriko ». La entuziasmo kaj la fervoro de l'Usonaj esperantistoj dekobliĝis dank'al la kongreso, kaj baldaŭ — pri tio mi estas certa — ni rikoltos la bonan grenon, kiun ni semis. Plie, laŭte ni tion proklamu, malgraŭ sia malproksimo, la Sesa estis tute inda je la antaŭaj kongresoj ; la nombro de l'aliĝintoj estis proporcie tre granda, kiel ankaŭ la nombro de l'reprezentitaj landoj. Kaj tiu kongreso superigis ĉiujn aliajn laŭ la nombro de l'delegitoj de ŝtatestraroj. Decas do, ke oni danku kaj varme gratulu ĉiujn niajn amerikajn amikojn, kiuj kunlaboris por tiu granda sukceso.

**Gabriel Chavet.**

Kun la afabla permeso de l'aŭtoro

D-ro **W. Van der Biest**

esperantigis.

---

## Jubilefestoj en la Reĝa Instituto por Surdmutuloj kaj Blinduloj en Woluwe-Bruselo

La 9an de februaro de la nuna jaro, la Instituto festis intime sian 75jaran ekzistadon. Sed, ĉar la vintra sezono ne taŭgas por festi, oni prokrastis la solenan festadon ĝis en somero.

Granda koncerto en la ekspozicia festsalono malfermis la jubileon, la 29an de julio. La ĉeestantaro multnombra kaj altranga aplaŭdis la muzikon de la blinduloj kaj la gimnastikon de la surdmutuloj. Ĉi tiuj legis france kaj flandre dankleterojn al la ĉeestantoj kaj speciale al la estroj de la diversaj sekcioj de la Ekspozicio, kiuj ĉiam estas montrintaj al ili sian bonkoran kaj malavaran intereson. La blinduloj ankaŭ plenumis tiun taskon flandre, france, angle, germane kaj *Esperante*.

La dimanĉon poste, la instituto estis plejbele ornamita ; ne nur la instituto, sed la tuta kvartalo Linthout. Ne unu domo en la Avenue Georges Henri estis senflaga, kaj la kvartala kermeso, finiĝinta de la antaŭa jaŭdo, rekomencis por tuta semajno kun la permeso urbestra.

Posttagmeze okazis festmanĝo, en kiu partoprenis la altrangaj oficistoj de l'Ministrejo Justeca kaj la amikaro de la Instituto. Vespere, je la naŭa horo, la festenintoj estis rekondukataj de lumportantaro pli ol kvincentopa ; la Blindula Harmonio kaj la tri vilaĝaj muziksocietoj pligajigis la grandiozan festmarŝadon, kaj popolamaso multfoje milopa randigis la stratojn kiujn ĝi trapasis, aŭ sekvadis ĝin. Lundon, mardon kaj merkredon, diversaj muziksocietoj faris koncertojn sur diversaj placoj ; okazis gimnastikfesto de la surdmutularo kaj konkursoj pri pilkludo inter bruselaj societoj kaj la surdmutuloj.

Merkredon posttagmeze festenis la lernantaro kaj servistaro ; kaj vespere je la 10a horo, belega, artplena fajraĵo fermis la publikan festadon.

Jaŭdon cent blinduloj kaj cent dudek surdmutuloj festvojaĝis al Brugo, kie la « Harmonio de l'Blinduloj » ludis koncerton sur la Granda Placo, kaj al Ostendo, kie ili plej agrable pasigis la vesperon.

Vendredon kaj sabaton, estis paketfarado, ĉar dimanĉon estos la premidisdono kaj komenciĝos la dezirata libertempo.

Sed la jubileo ne estis tute forpasinta : la ekslernantoj ankaŭ volis partopreni en la festoj de la instituto, kie ili estas ricevintaj sian edukadon. Pli ol ducent surdmutuloj kunvenis la 14an kaj 15an de aŭgusto, kaj pli ol cent blinduloj la 24an kaj 25an de la sama monato. Dum la festenoj, oni aŭdis multe da kortuŝantaj paroladoj, alfluis leteroj kaj telegramoj de la kontraŭvolaj forestantoj ; estis sendataj telegramoj al Iliaj Gereĝaj Moŝtoj, kaj al Patro Amedeo, la supera estro de la Instituto, al kiu blinduloj kaj surdmutuloj multon dankas.

La jubileo estis por ĉiuj ; la mortintoj, ĉu profesoroj, ĉu lernintoj, ĉu amikoj estis pie pripensataj dum funebra meso, ludata kaj kantata de la blindaj muzikistoj.

Kaj nun, forpasis la festoj ; denove vivu la laboro ! La kara Instituto eniris gaje kaj kuraĝe la lastan kvaronon de sia unua jarcento. Post dudek-kvin jaroj la nunaj lernantoj kun kelke da nunaj lernintoj denove gaje festu, rememoru pri la foririntoj kaj inspiru al siaj postvenontoj novan kuraĝon kaj vivofortecon ! FRATO IZIDORO.

# NEKROLOGIO

Granda estis la emocio inter la esperantistoj, kiam ili eksciis la neatenditan morton de la amata kaj bedaŭrata samideano, la vigla kaj eminenta kunbatalanto

**Frederik de SKEEL-GIÖRLING,**

kiu vivis meze de ni, Belgoj, dum la nuna jaro, kaj kun kiu multaj el niaj samlandanoj konatiĝis kaj amike interrilatis.



Li estis veninta en nian landon por estri kaj prizorgi la *Revuon pri la Kongresoj kaj Paroladoj* (*Revue des Congrès et des Conférences*) aperintan dum la tutmonda ekspozicio de Bruselo, kun franca kaj *esperanta* teksto, publikaĵo kiu akirigis al nia kara lingvo potencan influon, eĉ ĉe la neesperantistoj. Kune kun sia agema kolego, S-ro René Dubois, li laŭdinde sin okupis pri la organizado de la esperantista ekspozicio en la Palaco de la 50a Datreveno (Jubelpaleis, Palais du Cinquantenaire), kaj sukcesis kunmeti interesplenan sinoptikan elmontron pri la graveco de nia movado.

Sed la ĉefa kampo de la ampleksa, grava laboro de la plorata mortinto estis Danlando, sia patrujo. Liaj samlandanoj konfidis al li la prezidantecon de la Dana Esperantista Ligo, kaj la direktorecon de « Dana Esperantisto », en kiu li skribis multnombrajn tre rimarkindajn artikolojn. Li vigle defendis Esperanton kontraŭ ĝiaj malamikoj en diversaj jurnaloj de Kopenhago, kaj sin montris, je tiu okazo, kiel lerta kaj konvinkita polemikisto. Tre favore konataj estas liaj lernolibroj pri Esperanto, — la traduko de unu volumeto el la Fabeloj de Andersen, publikigitaj en la « Esperanta Internacia Biblioteko » de la Berlina firmo Möller & Borel, — kaj tiu de la mondfama libro « En harmonio kun la eterneco », de la granda amerika filozofo Ralph Waldo Trine, kies aperon la esperantistaro senpacience atendas.

* * *

La 28an de oktobro, Frederik de Skeel-Giörling akcidente mortis en Houx (provinco de Namur). Tiu morto estis por liaj multnombraj amikoj kvazaŭ fulmofrapo, kaj ne forgesebla

estos por kelkaj intimuloj la doloriga posttagmezo de la 4a de novembro, kiam lia kadavro alvenis en la centra stacidomo de Antverpeno. Kune kun lia nekonsolebla fianĉino, F-ino Ingeborg Bentzen, ŝia sindona kaj simpatia amikino F-ino Margrethe Noll, lia fidela kamarado René Dubois, kelkaj Antverpenaj gesamideanoj (F-ino Maria Posenaer, S-roj Schoofs, Champy, O. Van Schoor kaj mi mem) ĉeestis la funebran senŝarĝigon por saluti la lastan restajon de la kara mortinto, kaj akompani ĝin ĝis la ŝipo « Saga », kiu estis transportonta ĝin al Kopenhago.

Sur la kajo,antaŭ la ŝipo, ni forlasis la senanimigitan korpon de nia amiko de Skeel-Giörling kaj mi elparolis la lastan adiaŭon.

En la nomo de la belgaj esperantistoj — mi diris — mi estas veninta por esprimi lastan saluton al nia amata kaj bedaŭrata samideano, Frederik de Skeel-Giörling.

Li estis unu el niaj plej eminentaj fratoj de la tutmonda esperantista familio, — la granda, la ĉefa apostolo de nia altcela movado en Danujo. Ankaŭ nia lando multon ŝuldas al la plorata mortinto, kaj danke rememoras la grandajn servojn, efiktivigitajn de li dum la internacia ekspozicio de Bruselo.

De Skeel-Giörling ne nur estis ŝatata klerulo kaj famkonata verkisto, li estis plie tre afabla,tre komplezema viro, kiu, ankaŭ en Belgujo, sukcesis varbi grandan aron da amikoj. Bedaŭrinde, ne estas donite al ni konservi lin al nia amikeco, al nia simpatio. Kortuŝa kaj ne atendita morto lin forrabis de ni, kaj jen ni staras antaŭ lia lasta restajo, kiun ni respektplene kaj kun dolorpremata koro akompanis ĝis tiu ĉi ŝipo, la ŝojlo de lia patrujo, kiun li ne plu revidos, sed kie li estas ripozonta, kvazaŭ inter la brakoj de bona, amanta patrino...

Kara samideano, via memoro inter ni neniam pereos ; via ekzemplo daŭre estos por ni potenca stimulilo, kaj en tiu ĉi korprema momento, ni solene promesas, ke ni ĉiam daŭrigos la batalon, kaj ke ni sentime defendos la noblan verdan standardon, kiun vi tiel fiere kaj inde portis.

Adiaŭ, bedaŭrata amiko ! Dormu dolĉe, sub la sankta signo de l' Espero !

*
* *

Intertempe la vespera malheleco estis densiĝinta, malvarmiga pluveto falis sur la kotajn stratojn, malĝojo regis ĉie ĉirkaŭ la funebrantaj ĉeestantoj, sed tiu malĝojo ne estis komparebla kun tiu, kiu subpremis iliajn korojn.

VAN DER BIEST-ANDELHOF.

———xxxx———

# PROBLEMOJ[1]

3. **Ĉeno de metagramoj**. (Ĉe ĉiu vorto ŝanĝu nur unu ajn literon, por trovi la sekvantan vorton.) Kara amiko, oni donis al vi pomon, kaj vi preferus havi piron. Nenio pli facila. Zorgu nur, ke via pomo fariĝu spaceto inter korpaj eroj : vi tute facile havos piron.

Jen nun via piro malplaĉas al vi : ĉu vi deziras alian frukton ? Nu, faru birdon el via piro : tiu birdo donos al vi figon.

Sed — ĉar vi estas nekontentigeblulo — jen vi petas, ke mi faru vinon el via figo. Tio estas iom pli malfacila, sed tamen farebla. Ŝanĝu vian figon en : 1) asocion, 2) akvujon, 3) haron de ŝafidoj, 4) kreskaĵon tekseblan. Post unu lasta operacio, la dezirata vino ekmontriĝos. Mi esperas, ke vi tiam estos kontenta.

5. **Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj**. — vokalo — pronomo — instrumento — konsulti la sorton — ano el sudeŭropa lando — voĉdoni — vaporigitaj — familio de vegetaĵoj — perfortaj agoj kontraŭ malamikoj — mebloj — naŭza hejma insekto — por la dancemuloj — sufikso por plimultigi — nomo de konsonanto — vokalo.

6. **Patriota Lozanĝo enkadrita en honora kruco.**

*Figuro :* Vokalo — konsonanto — pronomo — prepozicio — opinio — konkluda konjunkcio — duono de Romo — forte deziranta — konsonanto — nea pronomo — filo — denove — konforme al — vokalo — belega kaj plej antikva el la nunaj eŭropaj nomoj — duonvokalo — prepozicio — laŭ pli forta grado — persona pronomo — io bona — vokalo — tabelo de oficistoj — prepozicio — pasiva formo de participo — de fiksanta ilo — vi aŭ mi — participa formo — vokalo — vokalo.

PLANTANO.

(1) Oni vendu la solvojn, antaŭ la 25a de januaro 1911, al S-ro FRANS SCHOOFS, sekretario de la Redakcio, 45, kleine Beerstraat, Antwerpen. (45, rue de la Petite Ourse, Anvers.) Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdomine.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# HUMORAĴOJ

## La « Kredo » de Jan Vos.

Post la revolucio de septembro 1830, kiu disigis Belgujon de Holando, ekzistis dum kelka tempo malkonsento pri la posedo de la fortikigita limurbeto X, kiun la Holandanoj volis konservi kaj la Belgoj almiliti. En tempo de paco la aliro al la remparoj de la urbeto estis al ĉiuj permesita ; ĝi estis ĉarma promenejo, borderita de ombrariĉaj arboj, de kie oni ĝuis la belan aspekton de la tuta ĉirkaŭaĵaro,kaj ĉefe tiun de la majesta riverego Skeldo, kiu, kelkajn kilometrojn pli malproksime, enfluas en la Nordan Maron.

Nune, la garnizono de X. uzis tre singardajn antaŭzorgojn, ĉar oni timis neatenditan atakon de la per bluaj kiteloj vestitaj malamikoj, (*) kaj la unua priokupo de la komandanto estis malpermesi la aliron de la remparoj. Li nur faris escepton por unu persono,nome por la domineo (**) de la urbeto.

La ordono estis akurate plenumata,kaj Lia Dominea Moŝto ne estis senigata de sia kara promenado, ĝis kiam la laŭvica dejoranta gardostaranto estis Jan Vos, tre konata petolulo en la regimento, kiu senceremonie, lin reirigis.

— Neniu povas preterpasi ! li diris.

— Sed *mi* povas, respondis la alveninto. Mi havas specialan permeson de la komandanto. Mi estas la domineo...

— Efektive, diris Jan, mi aŭdis pri tiu escepto. Sed mi ne konas vin. Ĉiu povas diri : Mi estas la domineo. Ĉu vi havas pruvojn pri via identeco ?

— Ne necese ! respondis la domineo.

— Certe necese ! rimarkigis Jan. Sed... venas al mi ideo. Mi supozas, se vi estas la domineo, ke vi bone scias la Biblion... Se tio estas, diru al mi, kio sekvas post Mateo, ĉapitro IIIa, verso Va.

— Ho ho, repondis la postulant-promenonto, neniu povus respondi pri tio !

— Kaj vi ankaŭ ne ?

— Mi ankaŭ ne.

— Do vi ne estas la domineo, konkludis Jan. Foriru, Sinjoro ! Duonturnon dekstren ! Antaŭen, marŝu !

---

Lia Dominea Moŝto senprokraste ekplendis pri la okazintaĵo al la komandanto, kiu tuj venigis la gardostaranton.

(*) La Belgoj.

(**) En Holando la reformitaj pastroj estas ĉie nomataj *Dominee*, kion Dreves Uitterdijk tradukas : *domeno*. Ĉar aliflanke laŭ la vortaroj de Cart, Robert, Grosjean-Maupin, Kabe, Christaller, Boirac kaj aliaj la signifo de *domeno* estas 1) speco de kapuĉo, 2) ludo, — mi riskas en la nuna okazo la vorton *domineo*, kiu, laŭ mi, estas tute akceptinda.

— Kial, li demandis severe, vi malpermesis Lian Dominean Moŝton promeni sur la remparoj ?

— Mi ne vidis domineon, S-ro Komandanto, respondis Jan.

— Kaj li jus venis ĉi tien por plendi, ĉar oni malakceptis lin. Ĉu do vi ni konas mian ordonon?

— Perfekte, S ro Komandanto. Sin prezentis por iri al la promenejo nur unu persono, nigre vestita, kaj iom vastkorpa, kiu pretendis, ke li estas la domineo. Ĉar li ne havis pruvon de identeco, mi demandis lin pri la Biblio, kaj... li ne sciis respondi. Evidente mia konkludo estis : « Vi ne estas la domineo, kaj vi ne aliros la remparon !»

— Vi do demandis al li ion pri la Biblio. Tion li ne diris ! Kaj kia estis la demando ?

— Ho, S-ro Komandanto, io tre simpla : Kio sekvas post Mateo, ĉapitro IIIa, verso Va ?

— Mi bone komprenas la embarason de la domineo, diris la komandanto. Ĉu vi mem scias respondi pri tio, Jan ?

— Certe, S-ro Komandanto. Post Mateo, ĉapitro IIIa, verso Va, sekvas Mateo, ĉapitro IIIa, verso VIa.

La militestro ekridis kaj demandis :

— Diru al mi, Jan, al kiu « Kredo » vi apartenas ?

— Mi havas, diris Jan, la saman « Kredon » kiel la mastrino el la « Stana Poto ».

— ? ? ?

—.Eksciu, S-ro Komandanto, ke antaŭ kelkaj monatoj mi diboĉetis kun kelkaj kamaradoj en ŝia trinkejo, kaj mi ne havis eĉ unu censon (*) en mia poŝo. Nun mi ŝuldas al ŝi du guldenojn. (*) Hieraŭ mi preterpasis ŝian domon kaj ŝi, furioze, alkriis min : « He, Jan, mi kredas ke vi neniam pagos min ! » Jen, kion la mastrino kredas, S-ro Komandanto, kaj mi.... kredas same.

— Mi donos al vi la du guldenojn, diris la komandanto. Akceptu ilin kaj pagu la mastrinon.

— Tutkoran dankon, respondis Jan.Sed mi esperas, Sinjoro Komandanto, ke, por du guldenoj, vi ne devigos min ŝanĝi mian kredon.

AMATUS.

### El la Lernejo

Dum la religia instruado la kateĥisto pritraktis la biblian sentencon : « Multaj estas alvokitaj, sed malmulte elektitaj ». Fine la pastro demandis : « Kial do tiom malmulte da homoj atingas la ĉielon ? » Post kio lo malgranda Moritzo respondis : « Tial ke tro granda estas la konkurado » *(Spritulo.)*

### Inter geedzoj

**Li.** — Nia Peĉjo devas lerni naĝi.

**Ŝi.** — Sedne en la akvo ! Tio estas tro danĝera ! *(Id.)*

(*) Guldeno = monunuo en Holando ; ĝi valoras Sm. 0,825. La censo voloras Gl. 0.01.

# DIVERSAJ INFORMOJ

Deziras korespondi :

S-ro Auguste Jomain, per poŝtkartoj ilustritaj, 114, rue de Paris, Les Lilas (Seine-Fr.) ;

F-ino A. Martel, 38, rue Janvier, Amiens (Somme-Fr.) ;
S-ro René Gensons, 13-15, rue Ste Catherine id. id.
S-ro Poteaux, 2, rue Janvier, id. id.
S-ro Fernand Lepercq, 2, rue Louis Blanc, Levallois-Perret (Seine-Fr), per ilustritaj poŝtkartoj, kun juna esperantisto.

**Internacia Medicino.** Kiel oficiala organo de la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio — « TEKA » — aperas nun monata scienca tre grava jurnalo sub la ĉi supra titolo. Internacia redaktistaro gvidas la vere modernan jurnalon, legindan — en unua loko — ne pro lingvaj interesoj, sed pro ĝia enhavo. Precipe la internaciajoj en la medicino estos pritraktataj. TEKA-anoj ricevas la jurnalon senpage ; aliaj abonoj jare 3 $, unu numero 0.300 $, specimeno je respondkupono. « **Internacia Medicino** » estos treege valora ankaŭ por la propagando. Tial la eldonejo liveros ĝin al esperantaj grupoj (tamen nur al grupoj) la tutan jaron por nur 1 (unu) $ (anstataŭigo de la forsendelspezoj), se ili mendos kaj pagos ĝin dum 15 tagoj post apero de tiu sciigo.

Adreso : **Internacia Medicino.**
Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)

**Voĉo de Kuracistoj.** — *IV-a jaro.* — Monata revuo esperanta, kies internaciajn enketojn pri sekreto profesia de kuracistoj (en 1909) kaj pri mortpuno (en 1910) tradukis multaj diversnaciaj jurnaloj fakaj kaj ĉiutagaj. **Voĉo de Kuracistoj** devas troviĝi en ĉiu klubo kaj biblioteko esperanta. Abonprezo por 1911 = 2 Sm. = 5 frankoj. Sendu nur senpere al la redakcio per internacia poŝtmandato.

Novaj abonantoj, alsendantaj senpere al la redakcion la abonprezon, *ricevas senpage la jarkolekton 1910* aŭ, post ĝia elĉerpiĝo *la jarkolekton 1909.* Adreso de la redakcio : D-ro S. Mikolajski, Lowstr., Sniadeckich, 6, Aŭstrio-Galicio.

**Vintraj sportoj por Esperantistoj.** Ni sciiĝis, ke inter la anglaj partoprenontoj de la vintraj sportoj en Svisujo estos Kolonelo Pollen LL. D. prezidanto de la Brita Esperantista Asocio, kaj lia filo, ankaŭ S-ro H. B. Mudie, prezidanto de la U.E A. Laŭ la programo disdonita de la firmo « Cook & Son» la esperantistoj kunvenos dum la semajno 18a ĝis 25a Januaro en Champéry, vilaĝo je 2160 metroj super la marnivelo, sur la norda flanko de la *Dent du Midi.* La deklivoj de la valo prezentas lokon por multaj diversaj ski-ekskursoj kaj ĉiuj aliaj vintraj sportoj. Proksime de la hotelo estas speciale aranĝita glacia deklivo por toboganoj, ankaŭ aparta neĝkurso por la bobglitveturiloj. Du grandaj rinkejoj estas rezervataj por la rinka kaj kurla sportoj. Por la vesperaj horoj estos aranĝitaj koncertoj, dancoj, kaj diversaj endomaj ludoj.

**Por la studentoj.** — Ĵus aperis, eldonita de la GRENOBLE' a grupo kun helpo de la Fakultato, Universitata Gvidfolio, kiu klarigas la tutan organizon de la kurso speciale starigita de 14 jaroj por la fremdaj studentoj dezirantaj akiri perfektan scion de la franca lingvo.

Plie ĝi montras ĉiujn allogajojn, kiuj almenaŭ tiom, kiom la perfekta instruado, kunhelpis altiri al la ĉarma kaj pentrinda urbo « GRENOBLE»

multajn fremdajn studentojn (pli ol 1100 la lastan jaron), inter kiuj jam kelkaj esperantistoj.

Sendube multaj petos tiun gvidfolion sendatan senpage de la Sekretario, S-ro **Roy** 3, Rue Anthoard, Grenoble (France), kaj tiel helpos varbi al nia afero la potencan societon, kiu estas en Grenoble la Protekta Komitato por fremdaj studentoj.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** — **La Verda Stelo.** La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 21an de decembro, je la 8 1/2 a vespere en la kafejo « Zomerhof », 32, Dageraadplaats (Place de l'Aurore).

*Tagordo :* 1. Raporto pri la lasta kunveno. — 2. Propagando. — 3. Interparolo pri la 4jara ekzistado de la grupo. — 4. Prezentado de kandidatoj por la 4 oficoj de komisarioj, elektotaj en la kunveno de januaro 1911.

Oni ne sendos specialan kunvokilon. La jena avizo ĝin anstataŭas.

**BRUSELO.** — S-ro Agache, tre famkonata franca arĥitekto, faris antaŭ nelonge paroladon en Bruselo pri *Malkaraj Loĝejoj.* Sub la aŭspicioj de la Berlina Esperantista Grupo S-ro Agache parolos en Berlino pri *Socia Arto.* Nia lerta samideano transvojaĝante Germanujon kaj farante paroladojn, ĉu Esperante, ĉu germane, treege utilos la propagandon por nia kara lingvo.

— La ĝeneralaj kunvenoj de la *Brusela Grupo Esperantista* okazos la lastan sabaton de ĉiu monato en la sidejo de la societo, hotelo kaj strato Ravenstein. Eksterordinara kunveno estos organizata kvaronjare por ĉiuj esperantistoj, aliĝintaj la grupon aŭ ne. Varma alvoko estas farata, por ke la kunsidoj estu multnombre ĉeestataj.

**CHARLEROI.** — De la 11a de novembro la kunvenoj de la Karloreĝa grupo okazos ĉiuvendrede, je la 8a vespere, en salono de la 1a etaĝo de la « Café du Luxembourg », angulo de la Boulevard Audent kaj Rue du Pont-Neuf (Speciala enirejo Boulevard Audent).

**GENTBRUGGE.** — Nia vigla kunbatalanto, S-ro Barbe-de Kneef, delegito de U. E. A., antaŭ nelonge malfermis en tiu homhava antaŭurbo de Gento esperantistan kurson, kiun ĉeestas dudek diligentaj lernemaj adeptoj. Jam multaj aliaj Gentbruganoj esprimis la deziron partopreni en nova kurso, kiu estos baldaŭ organizata. Antaŭ la fino de la jaro oni starigos grupon, kiu certe bone sukcesos.

**GENTO.** — Ekzameno pri profesora kapableco okazis en tiu urbo la 4an de decembro. La diplomon akiris F-inoj Anna Boedts (Brugo), kaj Yvonne Thooris (id.) ; S-roj Jules Barbe-de-Kneef (Gentbrugge), Albert Maertens (Gento), Henri Petiau (id.), kaj Michel Sebruyns-Vromant (St-Amandsberg).

Sincerajn gratulojn al ĉiuj !

La membroj de la juĝantaro estis S-roj A. J. Witteryck, prezidanto, Fr. Swagers kaj D-ro W. Van der Biest.

**NAMUR.** — La 30an de novembro estis organizata rimarkinda propaganda festo de la grupo *Namura Stelo,* en la salonego de la *Syndicat des Voyageurs, Employés, Négociants et Patrons.*

La ĉambrego estis ornamita per multnombraj esperantistaj flagetoj kaj devizoj en Esperanto, kaj la ĉeestantoj — pli ol 500 ! — tre interesiĝis je riĉa ekspozicio de esperantaj libroj, broŝuroj, revuoj, cirkuleroj, gvidfolioj, kongresaj memoraĵoj, komercaj reklamaĵoj, k. t. p!

